# BRAZILA ESPERANTISTO

★

OFICIALA ORGANO
de "BRAZILA LIGO ESPERANTISTA"

7-a Jaro — Numero 9-12

JARABONO
En Brazilio. 3$000
Eksterlande 5 fr. (2 Sm.)

Septembro-Decembro 1916

REDAKCIO—PRAÇA QUINZE DE NOVEMBRO
RIO DE JANEIRO — BRAZILIO


## Datreveno de d-ro Zamenhof



D-RO L. L. ZAMENHOF

Kiel okazis je la antaŭaj jaroj, kelkaj esperantistoj loĝantaj en *Rio de Janeiro* kuniĝis la 15an de Decembro por memorigi la naskiĝan datrevenon de dro Zamenhof per vespermanĝo okazinta en la restoracio "Rio Branco".

La tablo estis bele ornamita per floroj kaj esperantaj flagoj kaj sur ĝia centro staris la busto de nia kara Majstro.

Legis la raporton de l' antaŭa vespermanĝo dro Venancio da Silva, kiu poste transdonis la oran libron al sro Alipio Dorrea, elektita raportonto.

La toastoj al dro Zamenhof estis faritaj de generalo Manoel Portilho Bentes, prezidanto de Brazila Klubo "Esperanto" kaj inĝ.o A. Couto Fernandes, prezidanto de Brazila Ligo Esperantista.

Ĉiuj ĵurnaloj parolis pri tiu okazintaĵo, kaj kelkaj publikigis lian portreton.

---

## "Brazila Esperantisto"

Pedimos a attenção dos nossos samideanos para as seguintes disposições do Regulamento da B. L. E.:

Os grupos filiados pagam uma quota annual de, pelo menos, 15$000, correspondente a seis socios.

Os socios isolados pagam a contribuição annual de 5$000.

Qualquer socio de grupo filiado poderá adherir a B. L. E. pagando apenas a quota annual de 2$500.

Não ha joia.

As pessoas que remetterem a importancia de 10$000 são consideradas socios da B. L. E. e *helpabonantoj*.

Todos os socios recebem gratuitamente o "Brazila Esperantisto".

---

LA 6a BRAZILA KONGRESO DE ESPERANTO OKAZOS EN ARACAJÚ, DE LA 25a ĜIS LA 29a DE JUNIO PROKSIMA. LA DEPUTITARO DE ŜTATO SERGIPE VOĈDONIS MONHELPON AL LA KONGRESO.

# 5ª BRAZILA KONGRESO DE GEOGRAFIO

Dum la plena kunsido de l' 15.ª de Septembro la 5.ª Brazila Kongreso de Geografio aprobis, per noma voĉdono, la jenan rezolucion:

"Konsiderante pri la profitoj, kiujn por la interrilatoj inter Brazilio kaj la ceteraj popoloj alportos la alprenon de helpa lingvo internacia;

Konsiderante pri la fakto, ke Esperanto kunigas ĉiujn ecojn necesajn por plenumi tian rolon;

Konsiderante, ke Esperanto jam estas, laŭ la Regularo de Nacia Telegrafo, konsiderata kiel lingvajon klaran por la respektiva korespondado;

La Kvina Brazila Kongreso de Geografio, laŭ ekzemplo de la antaŭaj kongresoj, elmontras sian simpation al la helpa lingvo internacia Esperanto kaj konsilas ĝian uzadon en internaciaj publikaĵoj, precipe pro tio ke Brazilio havas la plej grandan intereson pri la aferoj rilataj al la koloniigado de sia vastega teritorio kaj al la plivastiĝo de siaj komercaj interrilatoj. 15 — IX — 1916. — *José Boiteux*. — *J. Bonifacio*.

Na sessão plena de 15 de Setembro, o 5.º Congresso Brasileiro de Geographia, approvou, em votação nominal, a seguinte moção:

«Atendendo ás vantagens que para as relações do Brasil com os demais povos traria a adopção de uma lingua internacional auxiliar;

Attendendo ao facto de reunir o *Esperanto* todas as qualidades precizas para preencher um tal papel;

Attendendo a que o *Esperanto* já é, na conformidade do regulamento da Repartição Geral dos Telegraphos, lingua considerada clara para a respectiva transmissão;

O Quinto Congresso Brasileiro de Geographia, *ad instar* dos Congressos anteriores, demonsta sua sympathia pela lingua internacional auxiliar *Esperanto* e aconselha o seu uso em publicações de caracter internacional, tanto mais quanto o Brasil tem o maximo interesse nos assumptos referentes á colonização do seu vasto territorio e ao desenvolvimento de suas relações commerciaes. Em 15—IX—1916.—*José Boiteux*.—*J. Bonifacio*.»

---

# La mortigita hundo

*(Leono Tolstoj)*

Iam Jesuo alvenis al ia urbo kaj, trairante ĝin, li vidas grupon da personoj rigardantaj malvivan hundon, kiu portas ĉirkaŭ sia kolo la ŝnuron, per kiu ĝi estis mortigita.

La hundo jam putriĝis kaj malbonodoras.

Kaj ĉiuj, kiuj staris ĉirkaŭ tiu disruiniĝanta besto ĝin ekzamenis, farante komentariojn:

—Kiel ĝi pestinfektas la aeron! unu diris, mane premante la nazon.

—Dum kiom da tempo ankoraŭ—aldiras alia—restos ĉi tiu malbenita hundo plenveneniganta la aeron, kiun oni spiras en tiu ĉi strato?

—Rigardu ĝian felon!—ekkriis tria—ŝajnas koaglajo el malbona lakto.

—Kaj ĝiaj oreloj? rimarkas alia—eljetas verdakvaĉon el putriĝintaj veziketoj...

—Ĉu ĝi estus kolpremita tial, ke ĝi fariĝis hidrofabia aŭ ŝtelisto? fine informiĝas alia persono.

Jesuo, kiu alproksimiĝis al tiu grupo kaj aŭdis ĉiujn tiujn komentariojn, jetas kompateman rigardon sur la malpuregan beston kaj diras:

—Ho! sed ĝiaj dentoj estas blankaj kaj belaj, kiel la neĝo...

Tiam, la ĉeestantoj, kiuj ne lin konas, miregas aŭdante parolojn plenajn je tiom da dolĉecemo pri tiu putriĝinta hundo, kaj ĥore ili ekkrias:

—Kiu estas ĉi tiu homo?

—Li ne povas esti alia, ol Jesuo de Nazareth. Nur li estas kapabla je tiel granda kompatemo antaŭ la ostaro de ia malviva hundo.

Kaj ĉiuj foriĝis klinante respektoplene la kapon antaŭ la filo de Mario.

Esperantigis

*Sebastião de Albuquerque*

(Aracajú.)

# La Hejmo

Ho hejmo! dolĉa kaj ĉasta nesto de feliĉeco grandvalora trezoro de niaj plej sanktaj sopiradoj, mi vin laŭdas! Vi estas, en la feliĉaj momentoj de la vivado la kofro, kie ni kolektas niajn orajn revajojn; vi estas ankaŭ en la plej ĉagrenaj momentoj de la vivo la ricevanto de niaj doloroj! Kiu vin ne amas?.

Vi aŭskultas kareseme niajn sanktajn konfidenciojn, la dolĉajn kisojn, kiujn al ni donas niaj gepatroj, la ĝentilajn vortojn de la kunulo de niaj tagoj, niajn unuajn amsopirojn!.

Nenia feliĉo povas egali tiun, kiun vi donas al ni en via simpleco. Ne ekzitas luksaj festoj, ne ekzistas amuzajoj, kiujn ni devus preferi al vi. Vi meritas altaron en ĉiuj koroj puraj, ĉar, nur tiuj vin povas kompreni!.

Demandu al la malfeliĉa ekzilulo, kia estas la saŭdado, kiu plej turmentegas lin kaj li respondos:—tiu de la hejmo!!. Unue la nesto de niaj amoj, poste la Patrujo, nia dua patrino!

Estas ankaŭ pro ĝi, ke la infanoj, tiuj gajaj senzorgaj estajoj, kiuj pasigas la vivon ridante, havas larmojn de vera doloro komencante sian laborplenan pilgrimadon al la lernejo!

Estas ankaŭ pro ĝi, ke la feliĉa fianĉino ploras maldolĉajn larmojn en la momento kiam, apud la elektito de sia animo, ŝi genufleksas antaŭ la altaro. Ŝi scias, ke ŝi ne perdas la amon de sia familio; ŝi scias, ke ŝi estas ĝuonta novan feliĉon, sed... ŝi tuj forlasos la hejmon, la lulilon de siaj unuaj revadoj, kaj tiu penso krude ŝin turmentegas.

Ĝin kantas la poetoj, la feliĉuloj antaŭdistinitaj esprimi per pli karesa maniero siajn plej karajn sentojn:

"For de l' Patrujo, sub ĉiel' alia,
Kie la sun' ne varmas en esperoj,
Ploris saŭdadojn mi je l' hejmo kara,
Kvazaŭ sennesta bird' dum la vesperoj.

El portugala lingvo tradukis

*Filhinha Rolla.*

*(Saude-Minas).*

---

# NAIVECO

En la okazo, kiam Dro Anselmo iris trans la ponton, dormetante kaj rajde sidante sur la malrapida azeno, Francino ekaperis antaŭ li:

—Mia bona doktoro...

Pro la neatendita ekhalto de l' besto, la maljunulo preskaŭ falis teren. Li sin ekvilibris malfacile, kaj, malfermegante la okulojn por rigardi la knabineton, li demandis severe:

—Nu! Kion vi faras sur la vojo, vagistino?

Francino, ĝenata, mallevis la okulojn kaj ekvolvigis la randojn de sia eluzita antaŭtuko.

—Ĉu vi jam estas laca kuradi tra la kanaro kune kun la knaboj? Foriru de tie! Lasu min antaŭeniri!

Kaj la malgrandulino, humile, ĉiam volvigante la antaŭtukrandojn, levis al la maljunulo siajn okulojn petegantajn.

—Kion vi volas? Parolu!

—Mi volas, bona doktoro...

—Nu?! Eldiru ĉion!

—Mia patrino mortis hieraŭ, vi scias, kaj restis malgranda Julĉjo, kiu ankoraŭ mamsuĉas...

—Jes... sed pri kio Julĉjo interesas min? Ĉu vi volas monon? Jen ĝi estas.

Kaj li jetis al la knabino du arĝentajn monerojn.

—Ne estas mono, kion mi petas, bona doktoro...

—Do, kio estas? Parolu!

Francino, ruĝiĝante kaj ŝanceliĝante, timeme malbutonumis la dikan ĉemizon, kaj vidigis la virgajn mamojn—du ĉastegajn magnoliajn burĝonojn sur kiujn estis veninta paro da ruĝaj abeloj—kaj sin turnante al la doktoro, ŝi diris, kun petega mieno:

—Ĉu vi vidas, doktoro? Mi havas mamojn, kiel ĉiuj virinoj, sed vane mia frateto ilin suĉas: la lakto ne defluas. Mi kredas, ke la kaŭzo estas, ke ili ankoraŭ estas fermitaj... Mi volas...

—Kion, infanino?

—Ke vi kompateme ilin traboru, doktoro.

—Ne filino, tio ne. Aŭskultu, diris la bona maljunulo, alportu vian fraton ĉe min, mi zorgos pri li, ĉu vi aŭdis? Sed ne volu trabori viajn mamojn, naivulino. Tio estas kiel ovo... post la ĝermado, kio estas interne, tio klopodas eliri, kun la helpo de la propra forto... kiel la kokidoj. Ĉu vi neniam vidis naskiĝi kokido?

—Jam, sinjoro.

—Do, tio estas ekzakte kiel la lakto...

Kaj ridetante, li karese vangfrapis Francinon.

—Vi estas ankoraŭ tro juna. Ne pensu pri traborado de viaj manoj. Mi zorgos pri Julĉjo, ĉu jes?

—Jes, sinjoro!

Kaj Dro Anselmo, sekiginte larmon, spronis la azenon kaj ekiris murmuretante, dum la naiva knabino restis stare meze de l' ponto, kaj butonumante la dikan ĉemizeton, kaŝis la virgajn mamojn.

El Coelho Netto

Tradukis,

*Paulino Santiago*

(Maceió)

# A propaganda em Portugal

A lingua auxiliar internacional tem na Republica Portugueza estrenuos lidadores, que, com o heroismo proprio da raça, defendem até ao ultimo sacrificio a nobreza de suas convicções.

Das principaes cidades do continente, das ilhas e das colonias convergem para o mesmo alvo—o triumpho do Esperanto — os proficuos resultados dos esforços de batalhadores emeritos que não dão treguas ao cansaço e nos quaes, a cada obice que vencem, se lhes acendra cada vez mais a fé, estimulando-lhes as forças, que se preparam para as futuras victorias.

Em Lisbôa, no Porto, em Funchal (Madeira) e em Loanda (Angola) a propaganda é intensa.

Em Lisbôa, a "Lisbona Esperantista Societo" desenvolve uma intelligente e activa propaganda.

Sob seus auspicios funccionam cursos theoricos, praticos e por correspondencia nas tres importantes associações de Lisbôa: Associação da Classe dos Caixeiros, Atheneu Commercial e Universidade Livre.

Além desses cursos, a propaganda vem se fazendo pela imprensa diaria e periodica, por meio de conferencias, traducções, publicações de grammaticas e livros em Esperanto.

Pelas paredes vêem-se affixados milhares de impressos com a palavra — Esperanto.

Nos carros electricos de Lisbôa foram collocados cartazes de um metro de comprimento convidando ao estudo do Esperanto.

Sobreleva, porém, a todas estas manifestações da vida esperantista a campanha ultimamente vencida pelos esperantistas lusitanos, conseguindo que o Esperanto fosse incluido na "Censura".

A esse respeito destacamos alguns topicos de uma carta dirigida de Portugal ao Secretario da "Brazila Ligo Esperantista".

"O Governo portuguez expediu um decreto em virtude do qual só podiam transitar pela Republica correspondencias em francez, inglez hespanhol, italiano e portuguez.

Isto prejudicava a campanha activa da "Lisbona Societo" e principalmente os cursos por correspondencia que representam um compromisso respeitavel, e assim ficariam inutilizados.

Começou, pois, uma campanha em que se interessaram jornaes de todas as côres politicas, dando razão aos argumentos apresentados pela "Societo".

Telegraphou-se aos Srs. Ministro das Finanças e Ministro do Trabalho, ao Chefe da Censura Postal, pedindo-lhes a sua intercessão.

A "Lisbona Societo", declarou-se em sessão permanente, sendo os extractos de suas reuniões relatados na primeira pagina do "Diario de Noticias".

O Secretario da "Lisbona Societo", Sr. Saldanha Carreira, foi entrevistado pelo vespertino "A Capital".

A "Lucta", o "Seculo da Noite", a "Republica", o "Suplemento do Seculo", a "Capital", o "Diario de Noticias" publicaram artigos e noticias á cerca do Esperanto, firmados pelos Srs. Saldanha Carreira, Adelino de Carvalho e Carreira e Silva. O Sr. Martins de Almeida foi entrevistado pelo Jornal "A ultima hora".

O Governo revogou então o decreto, substituindo-o por um segundo em que se declarava que todas as linguas seriam permittidas, mas sujeitas a demora, excluidas, é claro, nessa demora, as linguas mencionadas no decreto anterior.

A campanha continuou, porque pequena vantagem traria aos esperantistas esse decreto.

A "Lisbona Societo" continuou em sessão permanente até que foi recebido um officio da Direcção do Serviço da Censura Postal, informando que toda a correspondencia em Esperanto baixaria á sessão onde se achava o censor esperantista, Sr. Acacio Lobo. Estava assim satisfeito o desejo dos esperantistas".

(El "Jornal do Commercio")

---

# NEKROLOGIO

## DRO NERVAL DE GOUVEA

La 14an de Novembro mortis en *Rio de Janeiro* dro Nerval de Gouvêa, bonfarinta ano de Brazila Klubo "Esperanto". Kiel viceprezidanto de tiu klubo de ĝia fondiĝo, li multajn valorajn servojn faris al le propagando de Esperanto en Brazilio.

Kuracisto, inĝeniero kaj juristo, li estis profesoro en kelkaj superaj lernejoj kaj direktoro de la Politeknika Lernejo.

Pro lia klereco kaj troa agemo li estis civitano tre utila al sia lando.

## DERALDO DIAS

La 3an de Novembro mortis en *Bahia* kolonelo Deraldo Dias, prezidanto de "Esperantia Grupo de Bahia", fondita la 7an de Novembro 1910.

Li estis supera komandanto de l' Nacia Gvardio en Stato Bahia, ĉeffranmasono kaj deputato.

# KRONIKO

**Pará**.—Revenis al *Belem* post kelkaj jaroj de foresto la laboremega esperantisto dro Nuno Baena, prezidanto de Brazila Klubo "Esperanto". Ni ne povas forgesi la viglan propagandon de li tie faritan dum la jaroj 1909-11. La grupoj tiam fonditaj nun dormetas, sed baldaŭ certe ili vekiĝos aŭdinte la voĉon de tiu senlaca batalanto. Dum la vojaĝo de *Rio* al *Belem*, kiu estis tre utila al nia afero, al siaj samideanoj aŭ ĉe ilia ĉeesto ne unu vorton portugalan li diris.

**Maranhão**.—Fino Ermelinda Maranaldo malfermis em *Pinheiros* kurson de Esperanto. Sro. Domingos Perdigão, prezidanto de Grupo Esperantista "Couto Fernandes", pasigis du monatojn en *Cajapió*, kie li propagandis nian lingvon.

—La 30an de Septembro tiu grupo ricevis la viziton de dro Nuno Baena, kiu profitis la okazon por viziti ankaŭ lokajn jurnalojn "A Pacotilha" kaj "O Estado". Pri lia vizito skribis tiu ĉi gazeto: "Tre plaĉis al ni la interparolado kun dro Nuno Baena kaj ni konvenkiĝis, ke Esperanto estas lingvo ideala, precipe por la latinlingvaj popoloj, por plejaltgrade starigi la interrilatojn inter la diversaj nacioj". La vizito de nia klera samideano tre kuraĝigis la lokajn esperantistojn. Post naŭ tagoj aperis en "A Pacotilha" longa artikolo de sro Domingos Perdigão, kiu estas direktoro de la Publika Biblioteko, pri la simpleco kaj disvastigo de Esperanto.

**Ceará**.—La 28an de Septembro alvenis al *Fortaleza* dro Nuno Baena, kiu surteriĝinte tuj serĉis la ĉefajn lokajn esperantistojn. Kune kun sroj Moacyr Caminha, Eurico Pinto kaj Manoel Queiroz li vizitis la gazetojn "Folha do Povo", "O Jornal", "Unitario", "Correio do Ceará", kaj "Diario do Estado", kiuj tre afable akceptis ilin kaj priparolis tre favore pri ilia vizito. Dum promenado tra la urbo, ili nur parolis esperante kaj en la tramoj dro Nuno Baena rakontis anekdotojn, kiuj ridigis liajn kunulojn kaj vokis la atenton scivoleman de la kunvojaĝantoj. Dro Nuno Baena estis prezentita al dro J. Lavôr, klera kuracisto kaj politikulo, kiu lin deklaris, ke dum ia vojaĝo li legis la plenan gramatikon de Esperanto kaj sentas grandan plezuron aŭdante tiun lingvon parolatan. Dro Lavôr promesis fari ĉiun sian eblon por la bono de nia kara afero. La rezultato de la vizito de dro Baena estis tuja. La 8an de Oktobro fondiĝis en *Fortaleza* "Esperanta Klubo Cearense", kies estraro estas la jena: prez.—Democrito Rocha; vicprez.—Moacyr Caminha; 1.a sek.—Eurico Pinto Pereira; 2.a sek.—Manoel Mendes de Queiróz; kas.—Joaquim Alves de Oliveira kaj bibliot.—Josias de Moura. Laŭ la regularo tiu ĉi klubo aliĝos al B. L. E. Estis malfermitaj du kursoj direktataj de sroj Moacyr Caminha kaj Democrito Rocha. Tiu ĉi skribis en "Diario do Estado" bonajn artikolojn responde al tiuj de *Ignoto*, kiu atakis Esperanton.

**Parahyba**.—Dro Baena ricevis surŝipe la viziton de l' klera Pastro Mathias Freire, prezidinto de la 5.a Brazila Kongreso de Esperanto. Li ne havis tempon por viziti la ĉefurbon.

**Pernambuco**.—En *Recife* dro Nuno Baena akompanata de l' fervoraj esperantistoj dro Methodio Maranhão, profesoro de l' Fakultato de Leĝoscienco, kaj sro Feodrippe de Souza vizitis la gazetojn "Jornal de Recife", "Jornal Pequeno", "Diario de Pernambuco" kaj "A Provincia". Granda estis la sukceso de tiu ĉi vizito, precipe pro tio, ke dro Baena nur parolis en Esperanto kaj pruvis praktike, ke "Esperanto estas komprenata sen peno de la personoj bone edukitaj". Ĉiuj jurnaloj tre favore parolis pri la vizito de niaj samideanoj. Ni esperas tre baldaŭ ricevi la tre agrablan sciigon pri la fondo de "Pernambuka Esperanta Klubo".

**Alagôas**.—En *Maceió* dro Nuno Baena vizitis la urbon akompanata de l' sindona esperantisto sro Paulino Santiago, sekretario de l' grupo "Verdstelanoj". Parolante nur en Esperanto dum la promenado ili altiris atenton en la kafejoj, kinematografoj, tramoj, k. t. p., kie dro Baena havis la plezuron certigi, ke nia lingvo ne estas nekonata, ĉar oni diradis: "Ili parolas en Esperanto". Ni ne necesas memorigi niajn legantojn pri la vigla propagando tie farita de nia fervora samideano dro Antonio Carlos de Arruda Beltrão, fondinto de "Alagôas Esperanta Klubo".

**Bahia**.—Dro José Boiteux, generala sekretario de Societo de Geografio, prezentis al la 6.a Brazila Kongreso de Geografio poresperantan proponon, kiu estis aprobita en plena kunsido kaj per noma voĉdono. La proponon ankaŭ subskribis la klera deputato dro José Bonifacio de Andrada e Silva, frato de l' bonfarinto de Esperanto en Brazilio, dro Antonio Carlos Ribeiro de Andrada, ankaŭ deputato. Al tiu kongreso aliĝis Brazila Klubo "Esperanto", kiu estis reprezentita de dro José Boiteux.

—La 3an de Novembro mortis subite kolonelo Deraldo Dias, prezidanto de "Esperantia Grupo de Bahia" fondita je la 7a de Novembro 1910.

**Rio de Janeiro**.—Sro Ignacio Bittencourt faris en *Meyer* paroladon sub la titolo "La milito laŭ spirita vidpunkto" kaj diris kelkajn vortojn tre favorajn al Esperanto.—La 2an de Septembro kuvenis la aninoj de "Virina Klubo" por aŭdi la paroladeton de sro Carlos Vellozo pri "La Participoj en Esperanto".—Ĉiuj jurnaloj parolis pri la Sesa Brazila Kongreso kaj "A Epocha" publikigis fotografajon de la estraro de "Esperanta Klubo de Aracajú"—La klera esperantisto sro Medeiros e Albuquerque, redaktoro de l' tre legata vesperjurnalo "A Noite", en bonega artikolo pri la Ortografia Reformo montris

per konvinkanta ekzemplo la facilecon de la esperanta elparolado.—La gazeto "Arcadia", oficiala organo de "Curso Propedeutico" direktata de dro Washington Garcia, skribis artikoleton favoran al Esperanto.

—La 25an de Septembro dro Venancio da Silva malfermis kurson de Esperanto en la sidejo de "Antaŭrba Spirita Unuiĝo, (strato Dias da Cruz 177, Meyer). En tiu ĉi kurso enskribiĝis pli ol 40 gelernantoj.

—"Jornal do Commercio", la plej grava ĵurnalo en Brazilio, publikigis en sia vespera eldono de l' 9a de Oktobro longan intervjuon, kiun havis unu el siaj redaktoroj kun sro A. Couto Fernandes, prezidanto de Brazila Ligo Esperantista. Dank' al bonvolo de ĝia sekretario, la klera esperantisto dro Heitor Beltrão, tiu ĵurnalo malfermis la 24an de Oktobro Esperantan Fakon, kiu aperas ĉiumarde. Redaktas tiu ĉi fakon la fervora esperantisto sro Antonio Arêa Mourinho.

—La 8an de Oktobro okazis la 27a kunveno de Virina Klubo ĉe la 2a sekretariino fino Romancina Calmon. Prezidis la kunvenon la klera verkistino sino Adelina Lopes Vieira. Kiel kutime, oni kantis, deklamis kaj dancis.

—Ricevis ateston pri lernado la jenaj gelernantoj: fino Yrany Baggi de Araujo, sro Antonio Arêa Mourinho, finoj Aracy Baggi de Araujo kaj Geraldina Cruz, sroj Alipio Dorea kaj korvetkapitano Pedro Manot Sarrat. La ekzamenintoj estis: Kolonelo Manoel Portilho Bentes, dro Venancio da Silva kaj A. Couto Fernandes.

—La 4an de Novembro dro Mello e Souza, unua sekretario de Brazila Ligo, faris belegan paroladon pri la "Versfarado en Esperanto". Ĝi estis la 4a de la serio malfermita de Virina Klubo.

—La 9an de Novembro s-ro A. Couto Fernandes malfermis superan kurson de Esperanto por la personoj, kiuj deziras ricevi la diplomon de profesoro aprobita. Enskribiĝis 13 gelernantoj.

—La 12an de Novembro mortis la klera kuracisto kaj inĝeniero dro Nerval de Gouvêa, bonfarinta ano de Brazila Klubo "Esperanto".

**S. Paulo.**—En *Mattão* la gazeto "O Clarim" publikigis artikolon pri "Spritistismo kaj Esperanto" skribitan de sro Alcindo Terra kaj sciigis siajn legantojn pri la kurso de Esperanto malfermita en Rio de Janeiro de dro Venancio da Silva.

**Minas.**—Okaze de l' festo memoriga de la strato Jurandyr Toscano de Britto faris al la ĉeestantaro esperantan saluton, kiu estis publikigita en "A Alvorada", oficiala organo de l' Kolegio.

A. C. F.

## O Esperanto no Estrangeiro

**Inglaterra**.—*Londres*.— Na reunião annual da "Brita Esperantista Asocio", realizada em York a 12 de Junho deste anno, foi decidido organizar-se por meio de subscripções um Capital de Garantia para relembrar continuamente os altos serviços prestados ao Esperanto pelo mallogrado Capitão Haroldo Bolingbroke Mudie. Servirá esse capital para custear a edição de obras literarias que constituirão a "Bibliotheca Bolingbroke Mudie." Destinar-se-á esse capital ainda para auxiliar a edição de livros originaes; offertas de livros a escolas e cursos; premios para obras de literatura.—O Sr. R. Marshall fez uma excellente conferencia no "Publicity Club", tendo convencido os assistentes á cerca da praticabilidade e immediata necessidade do Esperanto para as relações commerciaes entre as nações, depois da guerra actual. *Bournemouth*.—Nesta cidade foi recebida a visita da Sra. Margarida L. Blaise e a de seu esposo Sr. Paulo Blaise, fervorosos esperantistas. Os illustres visitantes muito encorajaram os adeptos do Esperanto. *Southport*.— Realizou-se com grande animação a 34a conferencia da "Lancashire e Cheshire Federacio". *Hastings*.— Em Julho do anno corrente, na classe dirigida pelo Sr. J. J. Boutwood, um alumno que apenas havia assistido a oito lições, levantou-se, e, em bem escolhidas phrases, exprimiu em Esperanto seus cordeaes agradecimentos ao professor, lamentando a impossibilidade de assistir ás futuras lições. O jornal "The-Britsh-Esperantist", terminando esta nota, pergunta:—Qual é a lingua que póde ser aprendida em tão pouco tempo. *Halifax*.— Realizou-se em 1.º de Julho ultimo a 4.a conferancia annual da "Federacio" de Yorkshire. *Swansea*. — O grupo local effectuou festas em homenagem aos Esperantistas vindos de outras cidades.

**Russia**.—*Petrogrado*.— A "Societo Espero", a primeira sociedade esperantista que appareceu na Russia e no mundo, festejou seu jubileu celebrando o seu 25.º anniversario. *Astrakan*.—O grupo local realizou no grande jardim "Podkremlevski" uma excellente exposição, durante o "bazar" da 'Casa Popular Infantil", á qual assistiram milhares de pessôas. Cartazes sem conta e mais de 400 obras de Esperanto attrahiram as vistas interessadas dos assistentes.

**Dinamarca**.—*Copenhague*.— A senhorita Margarida Noel, presidente da "Centra Dana Esp. Ligo", fez uma conferencia por occasião da visita da "Teozofia Kolonio". Os assistentes, suecos e dinamarquezes, mostraram o desejo de aprender o Esperanto.

**Hollanda**.—*Harderwyk*.—Continuam os cursos e a propaganda entre os internados, tendo sido permittido o transito de cartas em Esperanto, devido, principalmente, aos esforços do Sr. Hes. *Rotterdam*.—

Numa excursão de Esperantistas que se realizou nesta cidade, tomaram parte 75 pessôas.

**Austria-Hungria.**—*Katzenan bei Linz.*— O Dr. A .Mondini dirige cursos nos campos de concentração do Trentino.

**França.**—*Paris.*— Por iniciativa do General Sébert presidente do "Esperantista Centra Oficejo", o Ministerio da Guerra da França permittiu o uso, em todos os hospitaes de sangue, dos "Esperantaj Gvidlibroj de la Ruĝa Kruco". Estes pequenos guias já foram editados em nove linguas (francez, inglez, allemão, hespanhol, italiano, russo, dinamarquez, sueco e portuguez), e o numero de exemplares vendidos já attingiu a 11.000. *Ruão.*— O consevador da bibliotheca nacional organizou no Museu de arte normanda uma exposição de documentos relativos á guerra. Nessa exposição figuraram as edições do Comité "Pela França e pelo Esperanto", assim como pequenos guias "Cruz Vermelha", do Capitão Bayol.

**Suissa.**—*Genebra.*—O "Esperanto", orgam official da U. E. A., publicou em o numero de Setembro-Outubro um artigo do saudoso Dr. J. B. de Lacerda, ex-director do Museu Nacional, do Rio de Janeiro, traduzido pelo Sr. E. B., sob o titulo: "La duonnegroj en Brazilio". *Lugano.*—O grupo local, recentemente fundado, tem tido occasião de prestar relevantes serviços á Cruz Vermelha. *Monte-Verita.*— No primeiro Congresso vegetariano, depois de varias Vdiscussões á cerca do Esperanto, decidiu-se que a propaganda dessa lingua deve ser feita em todas as associações vegetarianas.

**Hespanha.**—*Madrid.*—A "P.opaganda Fako" do "Centra Oficejo" realizou uma festa para solennizar o 29.º anniversario do apparecimento do primeiro compendio esperantista publicado pelo Dr. Zamenhof. *Tárrasa.*— 700 pesôas assistiram ás festas organizadas pelos grupos "Aplech" e 'Katolika Stelo,,.

**Portugal.**—*Lisbôa.*— Depois de vigorosa campanha dos Esperantistas de toda a Republica, conseguiu-se que o Governo incluisse na "Censura" o Esperanto. Para encarregado da censura foi nomeado o Sr. Acacio Lobo.

**Japão.**—*Tokio.*— Realizou-se o 3.º Congresso nacional. A convite do Dr. K. Fudjioca, o Dr. K. Kroita realizou na Universidade Imperial uma prelecção a respeito do Esperanto. De tal modo calou no espirito dos assistentes, esse discurso, que alguns philologos se empenharam em estudar o Esperanto. A sessão de Philologia da Faculdade de Letras dessa universidade adquiriu livros e diccionarios de Esperanto. Continuam a funccionar cursos em todas as filiaes da "Tokja Esp. Societo", tendo-se organizado cursos em Bukuriga, Ko, Ushigome. *Kanazaua.*— Dirigido pelo Sr. Djeo-Djen-Gon, funcciona regular mente um curso. O Sr. E. Asai, que passou as férias nesta cidade, organizou cursos de verão.

**China.**—*Nanking.*— Nas seis faculdades que compõem a Escola Normal official, é ensinado o Esperanto.

**Estados-Unidos.**—*Brooklyn*— Os Esperantistas de New-York promoveram festas a que assistiram 100 pessôas. *Montpellier.*—Celebrou-se a festa annual do "Interurba Klubo", onde representantes de 12 idiomas diversos usaram sómente o Esperanto.

**Cuba.**—*Havana.*— Appareceu o periodico "Latinamerika Esperantisto", dirigido pelo Dr. Antonio Aleman Ruiz.

**Argentina.**—*Buenos Aires.*— O mensario "Esperanta Bulteno" já publicou o seu 5.º numero, correspondente a Novembro passado. Nesta cidade em Zárate, La Plata, Pergamino funccionam regularmente varios cursos. Os Esperantistas de Pergamino realizam uma exposição esperantista.

**Uruguay.**—*Montevidéo.*— Na ultima reunião do "Esperantista Grupo", onde funcciona um curso, foi eleita a actual directoria. Este grupo conta 32 socios.

**Australia.**—*Melbourne.*— Realizou sua 5.ª sessão o "Esperanto Klubo", tomando parte 40 socios.

A. M.

---

## Novaj gazetoj ricevitaj

INTERNACIA POPOLO. Monata gazeto. Red: Sinpak. 33, Sai-Chok. str. Fat-Shan. Canton. Ĥinujo. Jarabono: 40 Sd.

---

## Bibliografio

Ni ricevis kaj tre dankas:

DEVO DE REĜO. Tezo originale verkita de *A. Vandevelde*, sekretario de Antverpena Geaktora Klubo. Tiu ĉi teatraĵeto estis tre sukcese ludita ĉe la 9a Brita Kongreso de Esperanto, en York. Eldonita de Charles H. Edmons, 73 Sydney Road, Hornsey, London, N. Prezo : Sm. 0.260 afrankite.

ESPERANTO ELEMENTAR. GRAMATICA APLICADA, por Saldanha Carreira e Carreira e Silva. Tiu ĉi bona lernolibro estas dediĉita al la Komerca Klaso. Ni ĝin rekomendas al ĉiuj portugallingvanoj, precipe al tiuj, kiuj volas memlerni. Prezo : Brazil — 1$500.

Mendu ĝin al Sro. Saldanha Carreira, sekretario de Lisbona Societo. Avenida Duque Loulé, 26, 3º — Lisbôa. Portugal.

## Korespondado

La lernantoj de l'profesoro Sro. G. VAN HEEK deziras korespondi per ilustritaj poŝtkartoj kun aliaj lernantoj. Bonvolu skribi al Sro. G. VAN HEEK. *Steynstraat, 72. Hengelo-Holando.*

**Luiz Figueiredo Filho.** 1.ª Secção da Contabilidade dos Telegraphos. *Praça 15 de Novembro. Rio de Janeiro. Brazilio*, deziras interŝanĝi poŝtmarkojn. Nur kolektas p. m. el la du Amerikaj kontinentoj.

**Sino. Ventura Fernandez Silva.** *Conception Jeronima, 19 Madrid. Hispanujo*, deziras korespondadi per ilustritaj poŝkartoj.

---

## Garantia kaso

Kun la celo publikigi akurate la revuon Brazila Esperantisto, Brazila Ligo Esperantista decidis starigi *garantian* kason, kiu estos elspezata nur kiam la eldono de la revuo prezentos deficiton. La subskribinto pagos ne la tutan sumon sed la proporcian parton, laŭ la deficito pagota.

### LISTO

| | |
|---|---|
| Brazi'a Klubo "Esperanto" | 5$000 |
| D-ro Nuno Baena | 5$000 |
| Alberto Couto Fernandes | 5$000 |
| D-ro Venancio da Silva | 5$000 |
| Odi'lo Pinto | 5$000 |
| José Arthur Boiteux | 5$000 |
| Coronel Manoel Portilho Bentes | 5$000 |
| Everardo Bakheuser | 5$000 |
| Carlos Velloso | 5$000 |
| Methodio Maranhão | 5$000 |
| E. Felix Tribouillet | 5$000 |
| J. B. Mello e Souza | 5$000 |
| H. Motta Mendes | 5$000 |
| Major Lauriano das Trinas | 5$000 |
| Honorio Leal | 5$000 |
| João T. de Siqueira Magalhães | 5$000 |

Pap. Typ. Confiança—Andradas, 71

## LIVROS

Na séde do Brazila Klubo, á Praça 15 de Novembro n. 2, 2º andar, encontram-se á venda os seguintes livros:

| | |
|---|---|
| *Brazilio*. Parolado de Dro. E. Backheuser | 1$000 |
| *O Esperanto*. Conferencia do Dr. E. Backeuser | $500 |
| *Esperanto*. Conferencia do Dr. Antonio C. de Arruda Beltrão | $500 |
| *Curso Elementar de Esperanto* por M. Mendes e C. Fernandes | 1$500 |
| *Manfredo*, drama poemo de Byron, esperantigita de Dr. Venancio da Silva | 1$000 |
| *Parizina*, poemo de Byron, esperantigita de Dr. Venancio da Silva | $800 |
| *Methodo theorico pratico do esperanto* por Honorio Rivereto | 1$000 |
| *Lina*, comedia, por Pedro A. Coutinho | 1$000 |
| *Chaves de Esperanto*. (duzia) | $500 |
| » » » (cento) | 4$000 |
| Cartões postaes de propaganda (duzia) | $600 |
| Sellos esperantistas (duzia) | $200 |
| Enveloppes de propaganda (cento) | 1$800 |



### Livros em Esperanto

Acham-se á venda na Livraria Alves, á rua do Ouvidor, 166, na Livraria Gomes Pereira, á rua do Ouvidor, 91, na Livraria Castilho, á Rua S. José, 114 e na casa Braz Lauria, á Rua Gonçalves Dias, 78 ou Avenida Rio Branco, 142, diversos livros em Esperanto

---

TODOS OS VALES POSTAES E REGISTRADOS COM VALOR DEVEM SER DIRIGIDOS AO SR. E. FELIX TRIBOUILLET, THESOUREIRO DA BRAZILA LIGO ESPERANTISTA.